D. Die.—Kaj vi vivados malfeliĉa.

D.ª Fran.—Mi ja scias.

D. Die.—Jen estas la fruktoj de edukado. Tio ĉi estas kion oni nomas edukadi konvene knabinon, instrui ŝin neigi kaj kaŝi la pasiojn plej nepekajn per perfida kaŝemo. Oni konsideras ilin honestaj vidante ilin instruitaj pri la maniero silenti kaj mensogi. Oni obstinas ke nek temperamento, nek aĝo, nek animo influu sur la emojn, aŭ ke ilia volo skuiĝu laŭ la kapricoj de tiu kiu ordonas ilin. Ĉio estas permesata al ili, esceptinte sincerecon. Se nur ili ne diras kion ili sentas, se nur ili ŝajniĝas malestimi kion ili plej deziras, se nur ili konsentas elparoli jeson perfidan, malpian, deveno de tiom da skandaloj, jam estas ili dece edukitaj, kaj oni nomas bonega edukado tiun kiu inspiras ĉe ili la timon, la ruzemon, kaj la silenton de sklavo.

D.ª Fran.—Estas vere... Ĉio tio estas certa... Tion oni postulas al ni, tion ni lernas ĉe la instruado kiun ni ricevas. Sed la kaŭzo de mia malĝojo estas multe pli granda.

D. Die.—Ĝi estu kia ĝi estu, filino mia, necese estas ke vi kuraĝiĝu... Se via patrino ekvidos vin tiel, kion ŝi diros? Aŭskultu, ĉar ŝajnas ke ŝi jam leviĝis.

D.ª Fran.—Dio mia!

D. Die.—Jes, D.ª Francinjo, tre konvenas ke vi trankviliĝu iomete... Ne malesperu tiom... Konfidu al Dio... ĉar niaj malĝojoj ne estas ĉiam tiel gravaj kiel pentras ilin nia fantazio... Ekvidu, nur, kia malordo estas tiu ĉi! kia agiteco! kiaj larmoj!

Nu, ĉu vi promesas al mi ke vi prezentos vin kiel... kun iom da trankvileco?... Ĉu ne?

D.ª Fran.—Kaj vi, sinjoro... vi bone konas la karakteron de mia patrino. Se vi ne defendos min, al kiu mi turnos min? Kiu kompatos tiun ĉi malfeliĉulinon?

D. Die.—Via bona amiko... Mi... Kiel estas eble ke mi forlasu vin, karulineto, en la stato en kiu vi troviĝas? (*ekkaptante ŝiajn manojn*).

D.ª Fran.—Ĉu estas vere?

D. Die.—Vi malmulte konas mian koron.

D.ª Fran.—Mi bone konas ĝin. (*Ŝi volas genufleksi; D. Diego malhelpas ŝin, kaj ambaŭ leviĝas.*)

D. Die.—Kion vi faras, infano?

D.ª Fran.—Mi ne scias... Kiel malmulte meritas tian grandan bonecon, virino tiel nedanka por vi!... Nedanka, ne, malfeliĉa... Ho ve, kiel malfeliĉa mi estas, sinjoro D. Diego!

D. Die.—Mi bone scias ke vi dankas min kiel vi povas pro la amo kiun mi havas por vi. Lu tuta cetero estis .. kion mi scias?... eraro mia, kaj nenio alia... Sed vi, nepekulino, vi ne estas kulpa.

D.ª Fran.—Nu, ĉu vi ne venas?

D. Die.—Nun ne, Francinjo. Post kelkaj minutoj mi tien iros.

D.ª Fran.—Iru baldaŭ. (*Irante á la ĉambro de D.ª Irene, ŝi revenas kaj, deirante, kisas la manojn de D. Diego.*)

D. Die.—Jes, mi baldaŭ iros.

## SCENO IX

### Simono, D. Diego.

SIM.—Ili estas tie, sinjoro.

D. DIE.—Kion vi diras?

SIM.—Kiam mi trapasis la pordegon, mi vidis ilin jam rajdantaj malproksime. Mi ekkriegis kaj signaldonis per mantuko; ili haltis kaj tuj kiam mi alvenis kaj diris al la juna sinjoro kion vi ordonis, li returnen venis kaj nun estas malsupre. Mi rekomendis al li ke li ne supreniru ĝis kiam mi avertos lin, pro timo ke estu personoj tie ĉi kaj vi volu ke neniu lin vidu.

D. DIE.—Kion li diris kiam vi donis al li mian ordonon?

SIM.—Eĉ nur unu vorton. Kiel mortinto li estas... Mi ja diris, ne unu solan vorton. Mi malgajiĝis vidante lin tiel...

D. DIE.—Ne komencu jam propeti min por li.

SIM.—Ĉu mi, sinjoro?

D. DIE.—Jes, ĉu mi ne konas vin?... Kompaton!... Li estas fripono.

SIM.—Ĉar mi ne scias kion li faris...

D. DIE.—Li estas fripono kiu forprenos mian vivon... Mi jam diris al vi ke mi ne volas propetulojn.

SIM.—Estas bone, sinjoro. (*Li foriras tra la*

sed ili staris ankoraŭ en ilia antaŭa beleco. La pordo estis ne tute fermita, kaj profunde el interne sonis mallaŭta kaj agrabla muziko, kiu povis naskigi la plej dolĉajn songojn. Tio ĉi estis efektive io mireginda. Kiu povis tie loĝi? Kie estis la eniro? En la partero estis nur magazeno, kaj estis ja neeble, ke la homoj ĉiam trakurus tra tie.

Je unu vespero la alilandulo sidis sur sia balkono, post li en la ĉambro brulis lumo, tial estis tute nature, ke la ombro estis videbla sur la muro de la kontraŭa loĝejo. Tiel ĝi sidis tie inter la floroj sur la balkono, kaj ĉiun fojon, kiam la alilandulo sin movis, la ombro sin ankaŭ movis, ĉar tion ĉi ĝi ordinare faras.

L. L. ZAMENHOF.

(*Daŭrigota.*)

dito se colocó en tras la cortina; pero la niña ya no estaba, el resplandor se apagó. Las flores ya no brillaban; pero se encontraban todavía en su anterior hermosura; la puerta no estaba del todo cerrada, y en el fondo del interior sonaba una suave y agradable música, capaz de producir los más dulces sueños. Esto era, efectivamente, algo maravilloso. ¿Quién podría vivir allí? ¿Dónde estaría la entrada? En el patio había solamente un almacén, y era realmente imposible que las personas pasasen siempre por allí.

Una tarde santóse el extranjero al balcón, tras él, en la habitación brillaba la luz; era, pues, natural, que la sombra fuese visible en la pared de la casa de enfrente. De modo, que se vino ella á colocar sentada entre las flores en el balcón, y cada vez que el extranjero se movía, la sombra también se movía, pues esto sucede de ordinario.

L. L. ZAMENHOF.

(*Se continuará.*)

# Noticias del extranjero

**Inglaterra.**—Comunican de Cambridge, que los éxitos del tercer Congreso han conquistado la población entera; el número de socios de la Esperanta Klubo ha aumentado considerablemente, y figuran en su lista los que antes oponían el frío de su escepticismo al fervor de nuestros propagandistas. Ya se habla de organizar una gran excursión á la ciudad donde se celebre el próximo Congreso.

La Srta. Margaret L. Jones ha fundado en Liverpool, 7, Berry Street, un «Esperanto School & Office», centro instructivo y de información esperanta, y librería.

**Francia.**—Terminadas las vacaciones veraniegas, empiezan de nuevo en nuestra vecina República los trabajos de difusión y propaganda.

El 29 de Septiembre, la «Amicale Esperantiste de Paris» verificó una excursión á Chaville en honor de algunos jóvenes correligionarios que han de marchar á cumplir sus deberes militares, los cuales prometieron divulgar nuestro idioma entre sus futuros camaradas, auxiliados por la excelente revista «Armée et Democratie», que ha empezado á publicar una serie de artículos sobre el Esperanto.

**Alemania.**—El Grupo de Hamburg ha organizado reuniones semanales para conversar en Esperanto.—El de Hannóver ha dado un hermoso ejemplo de laboriosidad continuando sus cursos durante todo el verano.—El curso que explicaba el doctor Blachstein, en Leipzig, terminó con un solemne festejo, en el que fué muy aplaudido

el Sr. Kleindieust por su hermoso discurso en Esperanto, sobre la propaganda entre los estudiantes.—En Lorrach se ha fundado un nuevo Grupo.—Durante el tercer Congreso de Cambridge, la redacción de nuestro colega «Germana Esperantisto» envió diariamente informaciones á 250 periódicos alemanes. «Der Tag» publicó en su número del 20 de Agosto un grabado de la Fitzwilliam-Museum de Cambridge, en el momento en que el Dr. Zamenhof salía de dicho museo.—La opinión pública, según refleja la prensa, se muestra muy favorable en la nación de nuestro futuro Congreso.

En el 16.° Congreso internacional de la Paz, celebrado en Munich, ha obtenido un gran éxito el Esperanto. El resultado de los trabajos realizados por el Sr. Moch fué la aprobación de las siguientes proposiciones:

«1. El Congreso ha visto con agrado que treinta y cinco sociedades pacifistas notificasen á la Oficina Central de Berna encontrarse dispuestas á corresponder en Esperanto. El Congreso recomienda á las demás sociedades que sigan ese ejemplo, y desea que, en el porvenir, las que correspondan en Esperanto sean señaladas con una estrella en la lista de las sociedades pacifistas.

2. Conforme con los deseos manifestados en el 1.°, 9.° y 14.° Congreso de la Paz (referentes al idioma internacional auxiliar), el 16.° expresa su deseo de que se enseñe el Esperanto en las escuelas y que la Oficina de Berna notifique este deseo á los gobiernos.

3. Para disminuir las dificultades y pérdidas de tiempo que se originan en los congresos internacionales por la diversidad de lenguas, desde el próximo Congreso podía usarse el Esperanto en las sesiones, y los discursos no pronunciados en este idioma sólo serán traducidos al Esperanto.»

Las dos primeras proposiciones las aprobó el Congreso por una gran mayoría. La tercera, presentada por los profesores A. Schmidt y W. Forster, motivó una gran discusión, porque ella implicaba una modificación en el reglamento del Congreso. Habló en contra el Sr. Molenaar; pero el profesor Forster le contestó con acierto, apoyado por Moscheles, Moch y G. Amhold. Por fin, el Sr. Lafontaine aconsejó se votara la proposición por partes, y así se hizo, siendo aprobada la primera parte, esto es, hasta las palabras «en las sesiones», y se desechó la segunda.

Visible es el gran éxito obtenido en este Congreso, y los esperantistas debemos mostrarnos satisfechos y felicitar á los que de un modo tan brillante contribuyen á nuestro triunfo.

**Brasil.**—El Congreso esperantista del Brasil, celebrado en Río durante el mes de Julio, fué honrado con la asistencia del Ministro del Interior, el cual presidió la solemne sesión de apertura. En este Congreso se fundó la «Brazila Ligo Esperantista». Se organizaron exámenes para adquirir certificados de capacidad y diplomas de profesor. El Congreso eligió la ciudad de San Paulo para el 2.° Congreso en 1908.

**De todas partes.**—En Firenze se ha fundado la «Esperanto Societá Toscana», cuyo presidente es Albert Dattari, abogado.—El importante catálogo de Boston, *The library and the Bussines Man*, ha abierto una sección especial para el Esperanto y recomienda su uso.—«The Far-Eastern Revievo», uno de los más importantes periódicos de Manila, Shanghai y Yokohama, empieza en su número de Julio la publicación de una gramática completa de Esperanto.—El gobierno de Nueva Zelanda ha establecido un consulado oficial para proporcionar informes sobre el país. Todos los empleados hablan Esperanto y contestarán con gusto á cuantas consultas se les dirijan. La dirección es: Government Tourist office, Christchurch, New Zealand.

NOTA. Como las noticias del extranjero sólo tienen interés para nuestros lecto-

res de España, pues para los demás son conocidas por la revista de su nación, las publicaremos desde hoy sólo en castellano. Las de España seguiremos publicándolas á dos columnas, para que tengan conocimiento los demás países del movimiento esperantista en España. En cambio, la sección bibliográfica la redactaremos sólo en Esperanto, pues únicamente á los que ya conocen el idioma puede interesarles dicha sección.

De este modo reducimos en lo posible las dimensiones de las secciones fijas de esta revista, y podremos dar cabida en sus columnas á artículos literarios ó científicos que hagan amena su lectura.

# Sciigoj

## EL HISPANUJO

Dank'al la fervoraj klopodoj de nia senlaca propagandisto S.ro E. G. Rivero kaj al la multvaloraj helpoj de S.roj Santos Ferreira kaj Fernaud, baldaŭ oni fondos grupon en La Laguna (Canarias).

LA SUNO HISPANA dankas tutkore la novan grupon «Pacaj Batalantoj» de Castellar del Vallés (Barcelona) pro ĝia frata kaj ĝentila saluto.

La Grupo Esperantista de Palma organizis tri kursojn: en la unua aŭ elementa kurso klarigas la «Clave Esperanto Ĉefeĉ» kaj «Unuaj lecionoj de Esperanto» S.roj Rabassa kaj Font; en la dua aŭ meza S.ro Capaz klarigas la «Kurso praktika de Esperanto»; kaj en la tria aŭ supera estas profesoroj S.roj Aris kaj Rosselló, kiuj klarigas la «Lernolibro kaj ekzercoj de Esperanto». La lernantoj, kiuj finos la tri kursojn plensukcese, atingos «Ateston pri lernado». Baldaŭ sinjoro Lladó komencos specialan kurson por sinjorinoj kaj fraŭlinoj.

Nia amiko S.ro Garzón ne haltigis sian propagandan laboron en la Kadiza provinco. Li esperas fondi novan grupon en la Politeknika Lernejo kaj en la ĵurnalo «La Provincia» li publikigis du belajn artikolojn.

La artileria kapitano S.ro José Perogordo faris sukcesan paroladon en Madrido ĉe la «Centro del Ejército y Armada»; tuj li malfermis kurson, kun 48 lernantoj. Ankaŭ ĉe la Ateneo de Madrid komencis kurson kun 38 lernantoj si-

## DE ESPAÑA

Gracias á los fervientes trabajos de nuestro incansable propagandista D. E. G. Rivero, y á la valiosa ayuda de los señores Ferreira y Fernaud, pronto se fundará un Grupo en La Laguna (Canarias).

LA SUNO HISPANA da las gracias la nuevo Grupo «Pacaj Batalantoj» de Castellar del Vallés (Barcelona) por su cortés y fraternal saludo.

El Grupo Esperantista de Palma ha organizado tres cursos: en el primero ó curso elemental explican la «Clave Esperanto Ĉefeĉ» y «Primeras lecciones de Esperanto» los Sres. Rabassa y Font; en el segundo ó medio, el Sr. Capar explica el «Curso práctico de Esperanto»; y en el tercero ó superior, los profesores son los Sres. Aris y Rosselló, y explican el «Manual y Ejercicios de Esperanto». Los alumnos que terminen los tres cursos con éxito alcanzarán el «Certificado de estudios». Pronto el Sr. Lladó empezará un curso especial para señoras y señoritas.

Nuestro amigo Sr. Garzón no ha cesado en sus trabajos de propaganda en la provincia de Cádiz. Espera fundar un nuevo grupo en la Escuela Politécnica, y en el periódico «La Provincia» ha publicado dos hermosos artículos.

El capitán de artillería D. José Perogordo dió con éxito una conferencia en el «Centro del Ejército y Armada», de Madrid; en seguida empezó un curso con 48 discípulos. También en el Ateneo de Madrid empezó un curso con 38 discípu-

njoro Bravo del Barrio, alian ĉe la «Centro de Sociedades Obreras sinjoro Marcilla kaj ĉe ia «Círculo Obrero» sinjoro Cecilia. Niaj Madridaj amikoj multe laboras kaj ni konfide esperas ke ili baldaŭ gajnos la tempon perditan.

Ankaŭ Teruelo vekiĝas por nia afero. Bonaj artikoloj publikigitaj en «El Noticiero Turolense» ebenigis la vojon al niaj propagandistoj, kaj en la Komerca Lernejo S.ro Rojas komencis esperantan kurson. Ni lin gratulas kaj ankaŭ S.ron Julio Belenguer pro iliaj konstantaj laboroj.

En la Valencia ĵurnalo «Las Provincias» aperis artikolo subskribita de sinjoro Morales Sanmartin en kiu oni nomis Esperanton *utopio malbela kaj antipatia.* Ni multe bedaŭras, ke personoj, kiuj neniam eklegis esperantan lernolibron, kaj ne konas la historion, triumfojn kaj celojn de nia helpa lingvo, klopodu por erarigi la publikan opinion. Ili forgesas la vortojn de Tertuliano: «estas indigne malami ion nekonatan, kvankam ĝi estus inda de malamo». En la sama ĵurnalo, S.ro Roman Ayza prave respondis al ĉiuj kontraŭparoloj, kaj ni esperas, ke sinjoro Morales Sanmartin, persono tre klera, komprenos la senpravecon de sia opinio. Li diris veron, kiun ni ne povas nei; ke por bone studi ian nacian literaturon estas necese bone lerni la lingvon en kiu ĝi estis verkita. Sed, ĉu estas eble en nia mallongedaŭra vivo lerni tiom da lingvoj, kiom da naciaj literaturoj? Certe, kiu volas legi Sakespeare kaj studi lian stilon, tiu devas lerni la anglan lingvon. Sed, kion ni faros por legi verkojn el diverslandaj aŭtoroj? Ĉu lerni ĉiujn lingvojn? Esperanto taŭgas tre bone por traduki literaturajn verkojn, kaj se S.ro Morales Sanmartin scius tiun internacian helpan lingvon, verkojn fremdajn ni prezentus al li, esperanten kaj hispanen tradukitajn kaj li tuj konvinkiĝus. S.ro Roman Ayza meritas nian aplaŭdon pro la publikigitaj artikoloj, klaraj kaj konvinkigaj.

los el Sr. Bravo del Barrio; otro en el «Centro de Sociedades Obreras» el señor Marcilla, y en un «Círculo Obrero» el Sr. Cecilia. Mucho trabajan nuestros amigos de Madrid, y esperamos confiadamente que pronto ganarán el tiempo perdido.

También Teruel despierta para nuestra causa. Buenos artículos publicados en «El Noticiero Turolense» allanaron el camino á nuestros propagandistas, y en la Escuela de Comercio el Sr. Rojas empezó un curso de Esperanto. Le felicitamos y también á D. Julio Belenguer por sus constantes trabajos.

En el diario valenciano «Las Provincias» apareció un artículo firmado por el Sr. Morales Sanmartín, en el que se llamaba al Esperanto *utopia antiestética y antipática.* Mucho lamentamos que personas que nunca hojearon un manual de Esperanto y desconocen la historia, triunfos y objetivo de nuestra lengua auxiliar, trabajen para desorientar la opinión pública. Olvidan las palabras de Tertuliano: «es indigno odiar una cosa que no se conoce, aun cuando sea digna de ser odiada». En el mismo diario, D. Román Ayza contestó razonadamente todas las objeciones, y esperamos que el Sr Morales Sanmartín, persona muy ilustrada, comprenderá la sinrazón de sus juicios. Él dijo una verdad, que no podemos negar: que para estudiar bien una literatura nacional es necesario aprender bien la lengua en que ha sido escrita. Pero, ¿acaso es posible, en nuestra breve vida, aprender tantos idiomas como literaturas nacionales? Ciertamente, el que quiera leer á Sakespeare y estudiar su estilo, debe aprender la lengua inglesa. Pero, ¿qué haremos para leer obras de autores de diversas naciones? ¿Aprender todas las lenguas? El Esperanto sirve muy bien para traducir obras literarias, y si el señor Morales Sanmartín supiese este idioma internacional auxiliar, le presentaríamos obras extranjeras traducidas al Esperanto y al castellano, y se convencería en seguida. D. Román Ayza merece nuestro aplauso por los artículos publicados, claros y convincentes.

S.ro Domingo Talens, el Carcagente, kun kelkaj tieaj samideanoj daŭrigas la propagandon en la proksimaj vilaĝoj, per tre sukcesaj ekskursoj.

En Burgos oni malfermis kursojn en la Komerca Ĉambro, en la Normala Lernejo por instruistinoj kaj en la Ĝenerala kaj Teknika Instituto. La tiea gazetaro multe helpas enpresante propagandajn artikolojn kaj anoncojn pri la kursoj.

En «La Acción», de Palafurgell, aperis belan artikolon de nia kara amiko S.ro Hipolito S. Luengo.

D. Domingo Taléns, de Carcagente, con algunos correligionarios, continúa la propaganda en los pueblos cercanos por medio de fructíferas excursiones.

En Burgos se han abierto cursos en la Cámara de Comercio, en la Escuela Normal de Maestras y en el Instituto General y Técnico. Mucho ayuda la prensa de la localidad insertando artículos de propaganda y los anuncios de los cursos.

En «La Acción», de Palafurgell, apareció un hermoso artículo de nuestro querido amigo D. Hipólito S. Luengo.

# Bibliografio

*Kial ili estas famaj?* de Georges Feydeau, tradukita kaj plilongigita de Fernand Doré, prezidanto de la Grupo Esperantista en Troyes.—Prezo: 0'50 fr.—Librairie de l'Esperanto, 15, rue Montmartre. Paris.

Ĝi tre bele taŭgas, kiel monologo por esti ludata en esperantistaj kunvenoj, kaj la aldonaĵoj de S.ro Doré estas vere spritplenaj kaj aplaŭdindaj.

*Solo de fluto,* de Paul Bilhaud, tradukita kaj ludita de Fernand Doré, prezidanto de la Grupo Esperantista en Troyes.—Prezo, 0'60 fr.—Librairie de l'Esperanto, 15, rue Montmartre, Paris.

Legu, kara leganto, tiun beletan monologon kaj vi ridos pro la penegoj de *eminenta* flutludisto... kiu ne ludas, Do, kvankam vi scias nenion pri muzikarto, vi ludos, antaŭ viaj samideanoj, ne la *fluton,* sed tiun monologon, tiel lerte tradukitan de S.ro Doré.

*Sinjoro Vento kaj Sinjorino Pluvo,* de Paul de Musset, tradukita de Paul Champion.—Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépède, Paris.

Lerta traduko prezentas hodiaŭ S.ro Champion al la esperantistaro, de tiu bela Musset'a verko, kiun la aŭtoro mem nomas *fabelo de nutristino,* sed ĝin legos plezure ne nur la infanoj sed ankaŭ la plenaĝuloj.

*Kristanaj preĝoj por katolikoj* de fraŭlino Adria Tellini.—Udine—San Rocco, Italujo.—Prezo: 50 ctmoj.

Tiu ĉi preĝaro reliefe presita estas dediĉita al blinduloj. Ĝin sekvos, laŭ promeso de la aŭtorino, aliaj libretoj de humoraĵoj, pensoj, proverboj, fabeloj, rakontoj, k. c., ankaŭ presitaj per alfabeto Braille.

*Paco kaj milito,* de profesoro Charles Richet, prezidanto de la Franca Societo de Arbitracio inter Nacioj, tradukita el franca lingvo kun permeso de la aŭtoro de doktoro Vallienne.—Presa Esperantista Societo.—Prezo: 0'75 frankoj.

Tiu ĉi libro estas la número 6.a de la Libraro Pacifisma eldonata de la societo «Pacifisto».

*Pri Malarmo: Ĥimeroj kaj Realaĵoj=Studoj pri la Haltigo de l'Armadoj.* N.º 1. (Enkonduko), de Gaston Moch, komitatano de l'Internacia Oficejo de Paco, Honora Prezidanto de l'Internacia Instituto de Paco, Prezidanto de l'Esperantista Societo de Paco.—Presa Esperantista Societo.—Prezo: 0'25 frankoj.

Tiu ĉi libro estas la numero 9.ª de la Libraro Pacifisma eldonata de la societo «Pacifisto».

*L'Esperanto.—Où en sommes-nous?* de Gabriel Chavet, sekretario de Esperantista Centra Oficejo.—Librairie de l'Esperanto. Paris.—Prezo: 0'50 fr.

En tiu ĉi broŝuro montras S.ro Chavet kun la aŭtoritateco de sia ofico en la esperantismo la vera stato de nia lingvo en la tuta mondo. France verkita, ĝi taŭgas kiel propagandilo enhavanta multe da interesantaj sciigoj.

*Ĉu unu lingvo internacia aŭ tri?* respondo al S.ro Profesoro Diels de Profesoro Louis Conturat, esperanta traduko de artikolo publikigita en «Deutsche Revue» eldonita de Richard Fieischer.—Esperanto Verlag Moller kaj Borel, Berlin.—Prezo: 0'20 markoj.

Ĉar en kelkaj okazoj estas necese esti bone armitaj por partopreni en la diskutoj kontraŭ la skeptikuloj ni rekomendas al niaj propagandistoj la legadon de tiu verketo, en kiu Prof. Conturat tiel klare kaj logike detruas la argumentojn de nia kontraŭulo S.ro Diels.

*Katolika preĝaro en kiu troviĝas ĉiuj dimanĉaj diservoj kaj la plimulto de la festoj de l'jaro,* latine kaj esperante.—1.ª volumo.—Aprobita de Sia Alta Moŝto M.ro Renou, Ĉefepiskopo de Tours (France).—Eldono de Espero Katolika. Sainte-Radegonde (Indre et Loire), France.

Gia titolo klare montras al niaj legantoj la enhavon de tiu vasta verko, kies esperanta parto estas korekte redaktita.

*La Kalendaro,* originale verkita en Esperanto de Lengyel Pal.—Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépéde, Paris.—Prezo: 0'30 fr.

S.ro Lengyel Pal klarigas en tiu ĉi verketo, per facile komprenebla stilo, kiamaniere oni redaktas kalendaron por ia ajn jaro estinta aŭ estonta; multaj tabeloj kaj ekzemploj faciligas la uzon de la reguloj.

*Pri la homa radiado,* originale verkita de E. Boirac, Rektoro de la Diĵona Universitato.—Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépéde, Paris.—Prezo: 0'25 fr.

Jen leginda broŝureto por ĉiuj, kiuj interesiĝas pri spirita sugestio kaj telepatio. La eksperimenta hipotezo en ĝi pritraktata taŭgas por imagi aliajn novajn, ĉar nur eksperimente oni povos trudi al la scienco la bestan magnetismon.

*Elektitaj fabeloj de Fratoj Grimm,* tradukis el la germana lingvo D.ro Kabe.—Esperanto Verlag Moller kaj Borel, Berlin.—Prezo: 1'50 markoj.

Se la nomo de la aŭtoro ne estus ja tiel fame konita ĉe la esperantistaro pro liaj ĝisnunaj literaturaj laboroj, ni devus longe paroli en celo konvinki la legantojn pri la klara kaj korekta stilo de la ĵus aperinta verko, sed feliĉe tio estas senutila; la Kabe'aj verkoj ĉiam estas legataj kun plezuro.

★ ★ ★

# Senspritaĵoj

—Paĉjo, ĉu homoj devenas de simioj?
—Jes, fileto.
—Kaj la simioj, el kio ili venas?
La pâtro post iometa pripensado.
—Nu, de la arboj.

—Kiel? Vi ĉi tie? Ĉu vi ne mortis?
—Sajnas al mi, ke ne, kvankam mankis por tio malmulte.
—Nu, kio okazis? Ĉiuj vin kredis tuj mortonta.
—Vera miraklo, mia kara.., mia kuracisto malsaniĝis!

—Ĉu vi rimarkis, bela amikino, la sendankecon de homaro kontraŭ kuracistoj? Nur de tempo al tempo oni starigas tre malofte ian monumenton por honori la memoron de iu el ili.
—Kiel, doktoro!... Ĉu vi forgesas la tombejojn?

V. I.

## NIAJ FRATAJ VIZITANTOJ

*Afrika Esperantisto*, 4, rue du Marche, Alĝer, senpage.
*Amerika Esperantisto*, 1239, Michigan Avenue, Chicago, U. Ŝ. A. fr. 5'25.
*Antauen Esperantistoj!!!* Apartado 927, Lima, Perú, fr. 3.
*Brazila Revuo Esperantista*, rua da Assemblea, 46, Rio de Janeiro, Brazilujo, fr. 6.
*Bulgara Esperantisto*, Administracio de la Bulgara Esperantisto en Sofio Bulgaria, . 1'50.
*Centramerika Esperantisto*, Quezaltenango, Guatemala, fr. 3.
*Ĉasopis Ĉeskych Esperantistu*, Praha II-313 Karlovo Námésti, Bohemujo, Austrujo, fr. 3'75
*Eĥo Esperantista*, aldono de l'Echo, Wilhelmstrasse 29, Berlino, Germanujo, senpage.
*Eksport-Ĵurnalo* Union» Esperanto-Verlags-Gesellschaft, Frankfurt a M. Germanujo, .r.
*Esperantisten*, 37, Surbrunnsgatan, Stockolm, Svedujo, fr. 3'50.
*Esperanto*, Mr. Marich Agoston, Ülloi-Ut 59, Budapest, IX, Hungria, Austrujo; k. 3'80
*Esperanto*, 8, rue Bovy-Lysberg, Genevo, Svisujo, fr. 3.
*Espero Katolika*, Mr. Peltier, Sainte-Radegonde (Indre, Loira), Francujo, fr. 5.
*Espero Pacifista*, 26, rue de Chartres, Neuilli-sur-Seine, Francujo, fr. 5.
*Foto-Revuo Internacia*, 118-bis, rue d'Assas, Parizo, Francujo, fr. 5.
*Germana Esperantisto*, 95, Prinzenstrasse, Berlino, Germanujo, ms. 3.
*Helpa Lingvo*, F-ino G. Monster, Osterbrogade 54 B, Kopenhago, Danujo, kr. 1'20.
*Idealo*, Corso Calatafimi, 495, Palermo, Italujo, fr. 3.
*Internacia Socia Revuo*, 45, rue de Saintonge, Paris III[e] Francujo, fr. 6.
*Japana Esperantisto*, 3ĉome, Jurakĉo, Kojimaciku, Tokio, Japanujo, fr. 3.
*Juna Esperantisto*, 33 rue Lacépéde, Paris 5.[a], Francujo, fr. 2'50.
*La Esperanta Instruisto*, 85, Fleet-St., London, E. C., fr. 2'50.
*La Belga Sonorilo*, 53, Ten Bosch, Bruxelles, Belgujo, fr. 6.
*La Saksa Esperantisto*, S-ro Fritz Stephan, en Leipzig (Germanujo), fr. 2.
*La Pioniro*, Champion-Reef, Mysore State, South India, Angla, fr. 5.
*Lingvo Internacia*, 33, rue Lacépéde, Paris, V-e, Francujo, fr. 5.

*La Revuo*, 79, Bd St Germain Parizo, Francujo, fr. 7.
*L'Espérantiste*, 4, rue du Gril, Louviers, Eure, Francujo, fr. 4.
*Lumo*, bulgara-esperanto, S-ro Nenkov, rue Gorska, 2299, Tirnovo, Bulgarujo, fr. 2.
*Pola Esperantisto*, 26, Akademicka, Leopolo, Austrujo, fr. 2'50.
*Ruslanda Esperantisto*, Bolŝaja Podjaĉeskaja, 24, St. Petersbourg, Rusujo, fr. 7'50.
*Svisa Espero*, 6, rue du Vieux Collége, Genéve, Svisujo, fr. 2'50.
*Tra la Mondo* (multilustrita), 15 boulevard des Deux Gares, Meudon S. O., Francujo, fr. 8.
*The American Esperanto Journal*, boulevard Station, Boston, Mass., U. Ŝ. A., fr. 5.
*The British Esperantist*, 13, Arundel street, London W. C., Anglujo, fr. 4.
*Verda Stelo*, 3.ª del Relox, 12, México (Distrito Federal), 1 peso.

Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.

# ANONCOJ

ALVOKO.—La Esperantistoj de la tuta mondo, kiuj bonvolos kunhelpi por la konstruo de la memoriga monumento de Julio Verne (la mondfama romanisto) en Amiens, bonvolu sendi la monon al

*D.ro Camille Fournier, 24, rue Jules-Lardievre*
AMIENS *(Somme) Francujo.*

La sekretarioj aŭ prezidantoj de la Esperantistaj Grupoj bonvolu, ankaŭ konigi la monon kaj sendi ĝin al suprenomita sinjoro.

GAZETARO ESPERANTISTA. *La Saksa Esperantisto.*—Nun ankaŭ la Saksoj havas propran gazeton, kiu sub tiu titolo aperas ĉiumonate redaktata en germana lingvo kaj Esperanto. La redakcio petas, ke oni alsendu raportojn pri la stato kaj antaŭeniro de Esperanto, kaj sendas, laŭ deziro, al ĉiu esperantisto provnumeron senpage. La abono nur kostas 2 frankojn pojare afrankite. Skribu rekte al la eldonanto, sinjoro redaktoro Fritz Stephan en Leipzig (Germanujo).

Ni estus tre dankaj al tiu sinjoro Redaktoro, se li sendus al ni la 3.an kaj 4.an numerojn, kiujn ni ne ricevis.

* * *

«La Revuo» intencas organizi ĉiumonate esperantan konkurson inter siaj legantoj. Ĝi difinos por ĉiuj konkursoj gravajn premiojn.

GRAVA RIMARKO.—Broŝuro, kies verkinto kaŝas sin sub la pseŭdonimo de *Ido* ĵus eliris kun la titolo: *Grammaire complete de la langue internationale par Ido* (Paris, Presejo Chaix), kaj estas sendita al kelkaj esperantistoj, speciale elektitaj.

Tiu verko estas nur ***plagiato*** de la lingvo Esperanto, kies nomo kaj aŭtoro ne estas nomitaj. Tamen la verkinto de tiu lingvo faras al Esperanto diversajn ŝanĝojn en la detaloj; la plimulto da tiuj ŝanĝoj estas jam proponitaj de multaj jaroj en la esperantistaj gazetoj, kaj la aŭtoro simple proprigis ilin al si.

Granda parto da tiuj ŝanĝoj estas diskutebla, eĉ laŭ la teoria vidpunkto, kaj la tuta alpreno de ili forigus de Esperanto ĝiajn ĉefajn kvalitoj, kiel lingvo parolebla.

Ĉiuokaze, estas malaprobinde ke tiu verko, kia ajn estas la merito kiun oni povas doni al ĝi, estas prezentata alie ol sub la titolo de «Projekto de ŝanĝoj al la lingvo Esperanto».